DUMONATA. N-ro 5. JUNIO 1947.

BULTENO DE

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

Om inlichtingen over Esperanto, wende men zich :

Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser :

230, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).

## 3la Belga Kongreso de Esperanto

### 25a, 26a kaj 27a de Majo 1947.



*Kliŝo afable disponigita de « De Nieuwe Gazet ».*

SUPRE : Grupo da kongresanoj post la akcepto en la urbdomo.

MALSUPRE : Delegacio, gvidata de D-ro Kempeneers, prezidanto de la Kongreso, kaj S-ro Jaumotte, prezidanto de L. K. K., demetas florgarbon ĉe la monumento al la militmortintoj.

## KONGRESO EKVIVIS ! KONGRESO EKMORTIS ! KAJ HONORA KOLONO EKLEVIĜIS !

La aranĝo de ĉiujara belga Kongreso estas tradicio preskaŭ same longdaŭra, kiel la vivo de la Ligo mem.

Dufoje, la vivo de belga Ligo estis haltigata per milito... Kaj dufoje ankaŭ, la vico de la kongresoj estis interrompata, dum sama aŭ eĉ iom pli longa periodo.

Kaj tiel, dum la Pentekostaj tagoj, la belga samideanaro renkontiĝis por la unua fojo, post ok jaroj da disiĝo.

La plej alloga impreso, kiu malnovajn partoprenantojn al ĝi tuj ekkaptis, estis certe, ke ĉiu, tuj post la alveno jam, havis senton, kvazaŭ de neniam interrompita kontakto.

Multaj ja malaperis en la ventego, — kaj dum la Solena Kunsido ĉiuj alportis al ili memorigan saluton, — sed por ĉiuj, kiuj alvenis kaj retrovis amikajn vizaĝojn, estis kvazaŭ ordinara renkontiĝo post mallonga foresto.

Tuj, de unua momento, la kongresa atmosfero kaptis ĉiujn ĉe la gorĝo kaj daŭre regis inter la partoprenantoj, tiu kongresa spirito, kiu trovas sian plej belan simbolon en la festo mem de Pentekosto.

### SABATE
### EN LA AKCEPTEJO

Jam antaŭ la tria, membroj de la L. K. K. atendis la alvenontojn en la akceptejo, tiu malnova « Witte Leeuw », kie, en la lasta kvaronjarcento, renkontis unu la alian, esperantistoj el ĉiuj urboj de Belgujo kaj el ĉiuj landoj de la tero.

S-ino Jaumotte kaj S-ro Cattoir, la nova sekretario de « La Verda Stelo », laŭvice, bonvenigis ĉiujn kaj transdonis la kovertojn en kiuj troviĝis la biletoj por la diversaj menditaĵoj.

### AL LA ENTERIGEJO « SCHOONSELHOF »

Tuj delegacio, kies membroj estis S-roj Kempeneers kaj Jaumotte kaj F-ino Jennen, nome de Belga Ligo; S-roj De Ketelaere, Vermandere, Van den Bossche, Vermuyten kaj De Schutter kaj S-ino Merckx, nome de « La Verda Stelo » kaj de « Belga Esperanto-Instituto », foriris al la enterigejo « Schoonselhof », ĉe kies enirejo ĝin atendis S-inoj Schoofs kaj De Hondt kaj, en uniformo de la Ruĝa Kruco, la kongresanino F-ino Meulemans kun du Benjamenoj de ties junular-sekcio, kiuj portis belegajn florgarbojn, kiujn S-roj Kempeneers kaj Jaumotte demetis sur la tombojn de Frans Schoofs, la prezidinto de Belga Ligo, kaj de Louis De Hondt, administrinto-delegito de Belga Esperanto-Instituto.

Estas intima sed emociplena ceremonio.

### ANTAŬ LA MONUMENTO AL LA MILITMORTINTOJ

Intertempe, multnombraj kongresanoj estis alvenintaj jam, kiuj grupiĝis, je la kvara, apud la Nacia Banko.

Kaj tie, antaŭ la Monumento al la Militmortintoj de 1914-18 kaj de 1940-45, simila ceremonio okazis.

Simpla flordemeto; simpla saluto al ĉiuj, kiuj nin forlasis.

Kaj en grupo, la kongresanaro promenadis tiam al la « Esperanto-Domo », 127, Lange Leemstraat, kie estis antaŭvidita laborkunsido.

### LABORKUNSIDO DE I. E. L. KAJ DE B. E. I.

Unue la prezidanto de Belga Ligo, poste tiu de Belga Esperanto-Instituto klarigis la situacion de I. E. L. - U. E. A. kaj de la Instituto, post la malfacilaj jaroj, kiujn ni travivis.

Ambaŭ donis informojn kaj respondis demandojn, el kiuj la ĉeestantoj povis konstati ke la estonto estas ankoraŭ esperplena, se ĉiuj volas kompreni sian

devon kaj apogi la diversajn instancojn kaj la laboron de ili faritan.

Post la labora parto, ĉiuj kunsidis, ĉe belete aranĝita tablo kaj trinkis kafon aŭ teon, dum estis manĝataj la bulkoj antaŭmenditaj.

Plej agrabla atmosfero regis kaj, antaŭ ol iu pripensis, sonis la horo por iri al « Witte Leeuw » por la vesper-festeto.

## LA INTIMA INTERKONATIĜA VESPERO

Post varma, bonveniga parolado de S-ro Jaumotte, la Prezidanto de la L. K. K., D-ro Kempeneers montris diversajn filmojn, kiujn li prenis dum antaŭaj kongresoj.

La malnovuloj ilin jam iam vidis, sed, post tiom da jaroj, estis vera revelacio, ne nur ekvidi kiel aspektis kaj montriĝis tiam la partoprenintoj, sed ankaŭ konstati, kiom da karaj vizaĝoj poreterne malaperis.

La filmoj estis akompanataj, ĉe la pianoforto, de S-ro Van der Stempel, kiu ankaŭ aparte ludis muzikaĵojn, dum S-ino Elly Staes kantis belajn ariojn; S-ro Vermuyten nuance deklamis.

## LA DIMANĈA TAGO
### MESO KUN ESPERANTA PREDIKO

Matene frue, je la naŭa, kunvenis impona grupo en la Santa-Jozefo-kapeleto de la Ĉefpreĝejo.

Pastro De Maeyer, kiu oferis la Di-servon, elparolis en Esperanto predikon, kiu estis ĝuo por la orelo, same kiel ĝi estis por la spirito kaj la animo.

Kaj sekvantare ĉiuj, post la Sankta Meso, iris laŭ la Verda Placo kaj la Schoenmarkt, al la Meir kaj la Rubensstrato, dum S-ro Jaumotte klarigis al ili la plej gravajn okazintaĵojn de la milito kaj la sekvojn, kiujn kelkaj el ili lasis en la koro mem de Antverpeno.

## EN LA RUBENSHUIS

Kaj laŭtvoĉe la Prezidanto de la L. K. K. daŭrigis siajn klarigojn sur la belega korto de tiu nove rekonstruita Rubensdomo kaj ankaŭ en la diversaj salonoj, en kiuj li atentigis pri la plej gravaj detaloj.

Tia promenado estis ne nur interesa por la kongresanaro, sed certe ankaŭ grava propagando por nia lingvo ĉe la multaj ordinaraj vizitantoj.

## LA SOLENA KUNSIDO

Kaj laŭ ekzakte kronometrita divido de la tempo, ĉiuj alvenis akurate je la 11-a en la salono unuaetaĝa de « In de Ton », kontraŭ la stacidomo, kie estis okazonta la Solena Kongreskunsido.

Ĉe la estrara tablo, sidis S-ro D-ro Kempeneers, prezidanto, S-ro Jaumotte kaj F-ino Jennen, gevicprezidantoj, S-roj Van de Velde kaj Poupeye, sekretarioj, kaj Tassin, kasisto.

La Prezidanto malfermis la solenan kunsidon de la Kongreso, kiu estos konsiderata kiel la 31a, ĉar la 30a estis tiu de 1940 en Bruselo, kiu fakte ne povis plene disvolviĝi, sed kiu estis tamen finprete aranĝita kaj malfermiĝinta.

Post danko al la multnombraj ĉeestantoj, li rapide skizis la okazintaĵojn de la lastaj ok jaroj. Post la jaroj de deviga silento, revenis la eblecoj denove propagandi por la internacia lingvo. Feliĉe troviĝis aro da ĝiskoraj Esperantistoj, kiuj reprenis la laboron, kaj permesis al nia movado refloradi en Belgujo. Sur internacia kampo, grava okazintaĵo estas la reunuiĝo de I. E. L. kun U. E. A., reprenante la malnovan nomon U. E. A. por la nova Asocio, kiu reprezentos la tutan neŭtralan internacian movadon. La Prezidanto donis kelkajn klarigojn pri tio, kaj aludis la diversajn projektojn de internaciaj lingvoj, kiujn oni nun proponas al la internaciaj instancoj. Sed li ne timas ilin, ĉar Esperanto sola

donis sufiĉe da pruvoj de sia perfekta taŭgeco por ĉiuj proponitaj celoj. Kaj konklude li legis la finon de artikolo de G. Waringhien, aperinta en « Literatura Mondo » (¹) : « Kia do estas nia devo, al ni esperantistoj ? La sama, kiel al la soldatoj en tranĉeoj : elteni. Ni ne devas lulli nin per fantaziaj esperoj : ni ne konkeros en la venonta jaro milionojn da anoj, ni ne ricevos de Unuesco oficialan sankcion, ni ne ĝuos la helpon de la bonfaraj miliarduloj. Ni devos penige kaj malfacile varbadi novajn samideanojn, multigi la utilajn tradukojn, penetri en la rondoj de homoj, kiaj kuracistoj, poŝtistoj, aviadistoj, k.t.p., kies profesio postulas internaciajn rilatojn aŭ korespondadon, ne por atingi de ili formalan agnoskon de nia ekzisto, sed por humile liveri al ili praktikajn servojn. Kiel ajn blinde rutinemaj estas la homoj, ili ne povos fintine ne rimarki, ke estas pli oportune korespondi kun la tuta mondo per unu lingvo, ol per dekkelkaj... Kaj tiel, iom post iom, ni atingos tiun faktan pozicion, ke unu tagon la mondo povos nur konstati ĝin kaj reguligi per oficialigo. Tiu politiko ja ne estas fulma, nek sensacia, sed ĝi estas la sola ebla, laŭ mia konvinko — kaj tia estis ankaŭ la konvinko de Zamenhof :

» Malfacileco, malrapideco
» Al ni la vojon ne baros.
» Sen malhonora malkuraĝeco
» Ni, kion povos, ni faros... »

S-ro Jaumotte tiam memorigis la mortintojn : unue, tiujn, kiuj mortis PRO la milito; poste tiujn, kiuj mortis DUM la milito kaj ankaŭ dum la du lastaj jaroj.

Malgranda paŭzo post la cito de ĉies nomo, donis okazon pensi momente pri ĉiu kara foririnto aparte.

Kaj tiam li daŭrigis, donante la liston de la Jubileantoj de la Ligo, inter kiuj li unue legis la nomojn de membroj de la Grupo « La Verda Stelo », kiu mem festas la 40an datrevenon de sia starigo. Dum tiu legado aplaŭdo salutis la ĉeestantajn jubileulojn, inter kiuj S-ino Elworthy-Posenaer, kiu de 40 jaroj militas en niaj rangoj.

S-ro Poupeye legis detalan kaj interesan raporton, verkitan de S-ro Vandevelde, ĝenerala sekretario de la Ligo.

S-ro Kempeneers dankis ĉiujn, legigis diversajn leterojn kaj telegramojn alvenintajn de F-ino Thooris, el Bruĝo, de S-ro Braet, el Nieuwpoort, de Tutmonda Junulara Asocio, k. t. p., kaj proponis la sendon de sekvanta telegramo al la Ŝtatestro, la Princo-Reganto :

« La Belgaj Esperantistoj, kunvenintaj dum la 31a nacia kongreso, organizata de Reĝa Belga Ligo Esperantista, prezentas al la Reganta Princa Moŝto la esprimon de siaj sentoj de fideleco kaj lojaleco. »

Saluto de S-ro Kolatchewski, nome de la Londonaj samideanoj, estis la konkludo de tiu Solena Kunsido, post kiu ĉiuj, per tramo, veturis al la Granda Placo, kie okazis la komuna fotografado.

## LA AKCEPTO EN LA URBDOMO

En la granda Leys-salono de la belega Urbdomo, la kongresanoj estis akceptataj de la Urbestro mem, S-ro Craeybeckx, kiu estis ĉirkaŭata de diversaj membroj de la Skabenaro kaj de la Urbestraro.

S-ro Jaumotte prezentis la ĉeestantojn kaj memorigis pri la jubileo de « La Verda Stelo ».

D-ro Kempeneers tiam, nome de la Ligo, faris la tradician paroladon.

---

(¹) 3a periodo, 1a jaro, p. 33 (1947).

Gachte Heer Burgemeester, Mijne Heren,

Met veel genoegen worden de Belgische Esperantisten door U, in dit roemrijke Stadhuis ontvangen. Zij knopen aldus weer een oude traditie aan, en verheugen er zich om dit te doen in de oude Schelde-stad.

De Esperanto-beweging en de stad Antwerpen hadden, bij de gebeurtenissen der laatste jaren, in hun lot vele punten van gelijkenis.

Bloeiend vóór de oorlog, met nauwe betrekkingen tot de hele wereld, viel de bezetting op beide als een domper, welke hen alle mogelijkheid ontnam om verder met het buitenland te handelen of te corresponderen.

En beide bleven stilzwijgend gedurende al die lange jaren. In uw dokken, geen motorgeronk, geen scheepsgefluit, geen gerij; in onze verenigingen, geen vergaderingen, geen leergangen meer.

En toen kwam de bevrijding : Antwerpen ging aan het werk en Antwerpen won de slag. Antwerpen nam inderdaad zijn glorierijk deel in de algemene overwinning.

De Esperanto-beweging, van haar kant, was niet zoo onmisbaar en werd niet gesteund, om te herrijzen, na wat de bezetter haar had aangedaan.

Wij moeten eerlijk bekennen : een groot deel van de meest actieve Belgische Esperantisten woonde te Antwerpen; en, met al die V 1 en V 2, en dergelijke, was de atmosfeer ongetwijfeld niet gunstig noch van aard, om zich aan een ideale beweging te wijden.

En toch ! Daar staan wij nu vóór U, Geachte Heren, als leden van het eerste na-oorlogse Belgische Esperanto-Congres, dat inderdaad, door onze ontwaakte Antwerpse vrienden op touw is gezet, en dan nog liefst ter gelegenheid van het veertigjarig bestaan van hun vereneging, de gekende « La Verda Stelo », die in 1907 door de betreurde pionier Frans Schoofs werd gesticht.

Als ik goed ingelicht ben, hapert er iets aan, en wel een bezwaar dat, voor uw haven en voor onze beweging, van dezelfde kant — een zeer bevriende kant zelfs — komt.

Om een niet goed te begrijpen reden, willen de Angel-Saksers een belangrijk verkeer van uw haven verplaatsen.

En voor ons ook hadden zij een bom, welke in het geheel niet atomisch was : het « Basic English », — waarvan zij beweerden dat ze de taal der toekomst zou zijn... En de heer Winston Churchill in hoogsteigen persoon stak de lont aan het vuur.

Doch wij werden helemaal niet in splinters geatomiseerd... Esperanto bestaat nu al sedert zestig jaren, en heeft in al die tijd andere aanvallen moeten afweren... en ook daadwerkelijk afgeweerd.

Hoevele internationale talen, of projekten ervan, werden er al niet voorgesteld, doch leefden slechts « l'espace d'un matin »? .

In het boek van Drezen : « Historio de la Mondlingvo », worden er niet minder dan 289 vermeld !

Heeft een nationale taal — al is ze verkort en vereenvoudigd — een kans om DE wereldtaal te worden ?

Waarom alleen een BASIC ENGLISH, en geen FRANÇAIS DE BASE, of een GRUND-DEUTSCH, of een GROND-VLAAMS ?

Doch, laten we meer wetenschappelijk zijn en het pasverschenen boek « Vijf Kunsttalen » van W. J. A. Manders in handen nemen. Het boek telt bijna 400 blz., en is een proefschrift ter verkrijging van de graad van Dokter in de Letteren en Wijsbegeerte aan de Rijksuniversiteit van Utrecht.

Stelling 12 erin luidt als volgt : « Invoering van het Engels als wereldhulptaal, zoals door G. Blokestein op weinig overtuigende gronden is bepleit, zou leiden tot een onevenredig groot politiek overwicht van de Angel-Saksische Naties en tot een geleidelijk verlies van de zelfstandigheid van de taal en de cultuur der overige landen ».

Het schijnt me heel juist gezien en gezegd.

Beide, Antwerpse haven en Esperanto-beweging, zullen dan ook hun werk voortzetten, en elkaar helpen.

De stad Antwerpen heeft leergangen van Esperanto ingelast in de uurrooster der avondleergangen.

De esperantisten zeggen er haar dank voor. En zij, van hun kant, zullen de roem en de glorie van de stad Antwerpen aan de hele wereld helpen verkondigen.

Leve Esperanto ! Leve Antwerpen !

La Urbestro respondis, unue, en persona nomo kaj diris ke li estas konvinkita esperantisto, kiu mem skribis artikolojn favorajn al la esperanta solvo de la lingva demando. Li diris sian fidon, ke iam tiu solvo estos akceptata, ĉar, ekster kiu ajn lingva submetigemo, ĝi povus esti uzata de ĉiuj, flanke de la naciaj lingvoj.

Poste li bonvenigis ĉiujn, nome de la tuta urbestraro kaj deziris al niaj laboroj plej plenan sukceson.

Li mem petis, ke S-ro Jaumotte traduku lian paroladon... kaj poste efektive miris, ke tio estis tiel facile farebla en nia lingvo kaj ankaŭ, tiagrade, komprenebla por eksterstarantoj.

La Prezidanto de la L. K. K. prezentis tiam la gvidantojn de nia movado al la urbestro kaj poste gvidis viziton al la diversaj salonoj de la Urbdomo.

## EKSKURSO SUR LA SKELDO

Post libera manĝo, ĉiuj renkontiĝis je la tria sur la Flandria-ŝipo, kiu faras rondvojaĝojn sur la Skeldo kaj kondukis al la Noordkasteel aŭ Citadelo, kio estis antaŭvidita iom longa kaj varmiga, sed interesa promenado, meze de la plej luksa naturo.

Kaj ŝipe ĉiuj reiris al Antverpeno, kie ili havis tempon por ankoraŭ iomete promenadi... aŭ ripozi, antaŭ la Festeno en « 't Oud Nachtlicht », Granda Placo.

## LA FESTENO

Granda, longa tablo, kun pli ol 40 partoprenantoj, estis videbla de la honora tablo, ĉe kiu sidis S-ino Schoofs kun la estraranoj de la Ligo. Bonegaj manĝajoj, abunde servitaj, estis plej kontentiga alloĝaĵo, antaŭ la serio de la toastoj :

S-ro Kempeneers malplenigis sian glason je la sano de la Ŝtatestro; F-ino Jennen trinkis je tiu de la L. K. K.-anoj, kaj speciale de la familio Jaumotte; la prezidanto de la L. K. K. respondis kaj diris sian fidon en la estonto, kiu estos konstruata sur la firma fundamento de la laboro, farita de la veteranoj; S-ro Tassin trinkis je la honoro de la sinjorinoj, je kies nomo respondis S-ino Schoofs, kiu transdonigis al S-ino Jaumotte riĉan florgarbon. S-ro Poupeye toastis je la gazetaro kaj S-ro Sielens, kongresano, respondis en Esperanto !

## LA LUNDA TAGO

Kaj malgraŭ ke ne plu estis frue, kiam enlitiĝo okazis, ĉiuj estis, akurate je la naŭa, ĉe la enŝipigejo, lundon matene.

Plej bela suno kaj varma vetero atendis ilin... kaj do ankaŭ plej agrabla rivereg-verurado.

La celo estis Doel, je pli ol dudek kilometroj norden de Antverpeno, preskaŭ ĉe la Nederlanda landlimo, kaj tiu distanco estis kovrita ŝipe en unu horo kaj duono. Promenado laŭlonge de la Skeldo aŭ ripozo plenigis la lastan parton de tiu vere nelaciga antaŭtagmezo.

Je la dekdua kaj duono, bonega komuna manĝo en « Flandria »-hotelo estis okazo por la Prezidanto de la L. K. K. adiaŭi ĉiujn kaj precipe danki tiujn, kiuj ne ĉeestis, sed tamen, per kotizpago, ebligis la aranĝojn, same kiel tiujn, kiuj per sia ĉeesto, donis al ili vivon kaj veran signifon.

S-ro Kempeneers refoje, nom de ĉiuj, dankis la L. K. K. kaj tion ankaŭ, en persona nomo, faris S-ino Lecat.

Kaj elekto estis lasata al la Kongresanoj, ĉu inter tuja foriro laŭ Lilloo kaj per tramo al Antverpeno, kaj plia restado en Doel ĝis la sesa kaj iom pli malfrua rehejmiĝo en la kongresurbo, sed perŝipe.

Pruvo de plena kontenteco estis, ke nur tiuj, kiuj nepre devis, foriris per la unua vojo, dum la aliaj multnombraj ĝuis ankoraŭ plej agrablan restadon kaj plej dolĉan reirvojaĝon.

Estis la oka precize, kiam tiuj lastaj disiĝis ĉe la tramhaltejo.

Sed ĉiuj havis gaj-aspektan mienon. Kaj tiu mieno respeguligis internan kontentecon.

La 31a Kongreso, je tiu vera momento, mortis, sed jam, en ĉies koro, ekvivis la 32a, por kies subceso Honoro Kolono jam garantias!

* * *

Alvoko farita de la Prezidanto de la L. K. K. por la sekvonta kongreso, permesis al S-ro Tassin, liga kasisto, jam enskribi la 30 unuajn, kiuj promesis apogi la organizon de la 32a per tuja pago de sia kotizo.

* * *

Tiel restariĝis la tradicio, laŭ kiu, jam dum la kongresaj festoj estas varbata la Honora Kolono por la sekvanta.

## OFICIALA PARTO

### ĜENERALA KUNSIDO DE R. B. L. E.

La 27an de Aprilo, okazis la laŭleĝa ĝenerala kunsido de « Reĝa Belga Ligo Esperantista », asocio sen profita celo. Aŭdinte la raporton de la administrantaro pri la jaro 1946a, la kunsidantaro ekzamenis kaj aprobis ĝian bilancon, kaj projekton de budĝeto por la jaro 1947a. Pri tiu projekto, estas rimarkigite ke, por starigo de sufiĉe ekzakta budĝeto, estas necese ke la liganoj kutimiĝu pagi sian kotizaĵon **antaŭ la unua de Januaro.**

Estas decidite ke la kotizaĵo por la jaro 1948 estos 75 frankoj; **nova** ligano varbata dum la tri lastaj monatoj de 1947, pagos **tuj** tiun kotizaĵon, kiu rilatos la budĝeton de la jaro 1948.

La ĝenerala kunsidantaro aprobis la agadon de la speciala komisiono por la Pentekosta Kongreso en Antwerpen, kiu baldaŭ sendos cirkuleron pri la definitivaj aranĝoj.

La jenaj liganoj estas elektitaj administrantoj de Belga Ligo: F-ino Jennen; S-ino Plyson; S-roj Boving, De Coster, De Mayer, Faes, Jaumotte, Kempeneers, Poupeye, Tassin, Vanden Bossche, Vandevelde; komisaroj: S-roj Alofs, Everaerts, Mathieu.

La ĝenerala kunsidantaro deklaris sin tre favora al la kunfandiĝo de IEL kun UEA, kaj elektis S-ron Kempeneers komitatano de la renovigita asocio.

La nova administrantaro elektis estraron, kiu estas la sama kiel por la finiĝinta jaro. S-roj Kempeneers kaj Jaumotte estas komisiitaj por kontaktiĝi kun aliaj esperantaj societoj en Belgujo.

## PAROLO KAJ AGO

La petskribado al O.N.U. favore al Esperanto **ne** estas finita: ĝi estas por ni bonega rimedo por konigi la valoron de Esperanto al personoj, kiuj preskaŭ nenion scias pri ĝi, aŭ kiuj havas eraraajn ideojn pri la internacia helpa lingvo. Mendu deklarfoliojn pri tiu petskribado, al nia propaganda centro, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke, Gent.

Ne malmultaj estas la esperantistoj, kiuj, post unua lernado ne daŭrigis **uzi** Esperanton. Tio estas bedaŭrinda, ĉar ju pli oni uzas la Zamenhofan lingvon des pli oni konvinkiĝas pri ĝia taŭgeco kaj ĝia beleco. Konvinkiĝinte oni havas forton por konvinki. Nia Bulteno estas dediĉata ne nur al esperantistoj; niaj samideanoj legigu ĝin de neesperantanoj. Kredo sen ago estas senviva kredo.

## FELIĈA NOVAĴO

Ni havas la grandan plezuron sciigi al niaj legantoj ke **Universala Esperanto-Asocio** (Genève), kaj **Internacia Esperanto-Ligo** unuiĝis.

Tiu kunfandiĝo estas tre grava por la Esperanto-Movado. Tiu ĉi bezonas ja fortan propagandan Centron neŭtralan, kiu laboros en konstanta akordo kun la ne malpli necesa Lingva Centro, la Akademio kaj ĝia Lingva Komitato.

La Oficiala Revuo de la Esperanta Movado havos, de la monato Junio, la titolon : « **Esperanto** ».

Ni gratulas la sukcesintojn de tiu grava kaj feliĉa okazintaĵo.

## 32a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN BERN

La preparoj por nia unua postmilita mondkongreso estas aktive daŭrigitaj. La enskriboj regule plimultiĝas. Sen ia dubo, la Kongreso estos majstre aranĝita kaj fariĝos granda sukceso. Aliflanke, la belga devizoficejo alprenis decidon kiu multe plifaciligas por niaj samlandanoj la partoprenon en la Kongreso : ĝi disponigis al la belgaj turistoj, kiuj deziras viziti Svisujon, 300 svisajn frankojn por la 10 unuaj tagoj de sia restado, kaj duoje 250 svisajn frankojn por ĉiu plia dektaga periodo.

Ni resumas ĉi sube la diversajn informojn, kiuj interesas la partoprenantojn :

**Aliĝo al la Kongreso.** — Aliĝilo estas ricevebla de R. B. L. E., 19, avenuo Montjoie, Uccle. La kotizo estas 35 svisaj frankoj. Tiu sumo povas esti sendata pere de kiu ajn akceptita banko, kiu estas rajtigata laŭ ĝenerala permeso n-ro 62 (Belga Ŝtatgazeto de 9a de Februaro 1947, p. 1364), transpagi kotizojn de membroj de sciencaj, kulturaj aŭ sportaj asocioj, kies jara kotizo ne superas 1.000 belgajn frankojn jare. Uzante tiun sistemon, la partoprenantoj disponos pri la tuta sumo disponebla por la restado.

**Mendo de loĝejo.** — Estas urĝe necese mendi tuj la loĝejon. En Bern restas nur disponeblaj loĝejoj en hoteloj de unua kategorio, kaj ĉe privatuloj.

La L. K. K. rajtigis « Agence Brooke », 46-48, rue d'Arenberg, en Bruselo (Tel. 12.56.71 ; P.Ĉ.K. 1093.63) esti ĝia peranto por mendo de loĝado dum la kongreso. Tiu perado okazos sen ia kromkosto. Sufiĉas ke la partoprenantoj sendu al la agentejo sian mendilon kaj la necesan sumon. La agentejo povos prizorgi la havigon de la devizoj, laŭ la oficiala kurzo.

**Rondvojaĝo tra Svisujo.** — S-ro R. Loeckx, Garennes, 107, en Boitsfort, Bruselo aranĝas esperantan peraŭtobusan vojaĝon en Svisujo, antaŭ la Internacia Kongreso. Foriro el Bruselo, la 17an de Julio; interesuloj sin turnu al la araĝanto.

## FORIRIS VI

Al Lucio, rabita de mi, 13-1-40.

*Okulo seka; larmoj jam ne fluas;*
*Por vi neniu korŝiranta plor' ;*
*Sufero, tamen min interne brulas*
*Kaj mordas min; akrega kordolor'.*

*Ni serĉas vin; vi estis nia vivo;*
*Vi estas for; ne sonas via kant' ;*
*Ho glor' al vi pro nobla patrinamo;*
*Vi vin oferis ĝis la tomborand'.*

*Ho vi, Luci', por mi kvazaŭ Reĝino,*
*Plej bela Stel' en la ĉielarkaĵ'*
*De via edz', idaro, amikino,*
*Foriris vi; terura malplenaĵ'*

*Ermenmantelo, neĝ' sen makuleto*
*Vin kovras nun per blanka reĝornam'.*
*Lucio kara, dormu en kvieto :*
*Por vi eterne lumos nia am'.*

Maria ELWORTHY-POSENAER.

## LA DEVENO DE L'ARTA MUZIKO

*Franclingva « Greka fabelo » de Th. CART, prezidinto de la Akademio (Tradukita en Esperanton, de S. CRENKAMP kaj B. de LAPORTE).*

En antikvaj tempoj, longe antaŭ Homero, vivis juna paŝtisto, kiu paŝtis sian ŝafaron sur la herboriĉaj deklivoj de l'Parnaso. Iun tagon, li tranĉis kanon, boris en ĝi truetojn, kaj eltiris el ĝi sonojn de rava dolĉeco. Ĝoje li invitis siajn amikojn ke ili faru la samon. Sed ili mokis lin : « Ĉu ne sufiĉas la kanto de l'birdoj kaj la melodia voĉo de la junulinoj? Por kio ni bezonas novan muzikon? ».

Sed la paŝtisto persistis, kaj la aliaj eliris el Parnaso por demandi la saĝulojn de Grekujo : « Ho, respektindaj saĝuloj », ili diris, « ĉu ebla estas arta muziko? ». Kaj la respektindaj saĝuloj, post longa meditado, karesante sian blankan barbon, respondis fine per serioza voĉo : « Ne, paŝtistoj, tia muziko estas neebla, ĉar ĝi neniam ekzistis; kaj eĉ se ĝi estus ebla, ĝi estus, kiel la lingvaĉo de l'Barbaroj, nur sovaĝa miksaĵo, interfrakaso de sonoj, netolerebla por ĉiu delikata orelo. »

Triumfante revenis la paŝtistoj al sia ŝafaro, kaj denove mokis sian tro genian kamaradon. Sed obstina li restis. Senhalte li tranĉis kanojn, kaj senĉese invitadis al ludo siajn kunulojn. Fine ili konsentis, kaj el boritaj kanoj ankaŭ siavice eligis sonojn de rava dolĉeco...

Tiel naskiĝis la arta muziko; ĝi ne ĉesigis la kanton de l'birdoj; ĝi ne mutigis la melodian voĉon de l'junulinoj. Ĝi vivas, ho saĝuloj de Grekujo, kaj tiel longe ĝi vivos, kiel longe ekzistos homoj.

Simile ankaŭ nia Esperanto ne detruos niajn naciajn lingvojn, kaj tamen ĝi vivos por la bono de l'homaro.

*Propagandemaj samideanoj(in)oj deklamu tiun fabelon antaŭ skeptikuloj, kaj, poste, traduku ĝin por ili.*

## NEŬTRALECO

« Neŭtraleco », jen estas vorto ofte miskomprenata. Por difini ĝin, je vidpunkto al la internacia lingvo, ni unue prenos ekzemplon el alia kampo : antaŭ proksimume dudek-kvin jaroj, okazis provo forigi la kontraŭalkoholan leĝon (nomitan « leĝo Em. Vandervelde »), kiu estis estigita tuj post la unua mondmilito. Eĉ, ĉe okazontaj voĉdonoj, iuj kandidatoj eldonis afiŝojn surhavantajn la mencion : « Voĉdonu por ni, kaj vi rericevos vian glaseton da brando ». Pro tia agmaniero protestoj ekaŭdiĝis, kaj neŭtrala komitato fondiĝis por konservigi la utilegan leĝon. Tiu komitato faris solenan deklaron, kiun ni vidis gluigitan sur muroj en la urbo Gent. Inter la subskribintoj estis eminentuloj diversprofesiaj kaj diversopiniaj pri politiko; apud nomo de konata framasono estis tiu de episkopo, ktp.

Ilia nura celo estis protekti siajn samregnanojn kontraŭ la malbonaĵojn de l'alkohola eksceso. Verŝajne en aliaj partoj de Belgujo simila protesto okazis: la bonega leĝo konserviĝis.

Kiel kontraŭalkohola leĝo, Esperanto havas malamikojn. Pro tio ĝi bezonegas sian neŭtralan centron propagandan, kaj sian ne malpli utilan neŭtralan lingvan centron. Tiuj centroj havas la devon, laborante por Esperanto, fari nenion ofendantan al iuj esperantistoj; aliflanke ĉiuj esperantistoj sin detenu meti Esperanton sub signojn de politikaĵoj, kiuj instigas pasie homojn kontraŭ homojn, kaj sekve, estigas malfidon al la internacia lingvo. Tio estas vera pri landa movado kiel pri la internacia. La neŭtrala Organizaĵo ekzistas. Ĉiu ajn esperantisto, por agi logike, ne povas sin deteni ĝin helpi.

C. VANDEVELDE.

## BELGA KRONIKO

ESPERANTISTA BRUSELA GRUPO. — La grupo plenigis regule sian antaŭvidatan programon, kun ofte tre agrablaj, interesaj aŭ amuzaj paroladetoj. Ni havis la plezuron akcepti portugalan samideanon S-ron inĝenieron Barreira, kiu vizitis Bruselon, okaze de la internacia foiro, kaj francan samideaninon F-inon Saint Jullien.

La Komitato intencas starigi teatran sekcion sub la kvidado de S-ro Oleffe.

— *Programo de la venontaj kunsidoj* (en la ejo : rue au Beurre, 40, Boterstraat, je la 20a).

*Junio* : la 2an, je 19.30, komitata kunveno, je la 20a, ĝenerala kunsido, parolata gazeto, diversaĵoj; la 9an, F-ino Jennen, pri « Krozado al proksima Oriento »; la 16an, S-ro Couppez, pri « Interna organizado de Societoj »; la 23an, S-ino Ernst, literatura vespero; la 30an, S-ro Oleffe, pri « Vojaĝo en Oriento ».

*Julio* : la 7an, je 19.30, komitata kunveno, je la 20a, ĝenerala kunsido, parolata gazeto, diversaĵoj; la 14an, S-ino F. Staes, literatura vespero; la 21an, ne okazos kunveno; la 28an, S-ro van der Stempel, pri « Domo kaj Meblaro ».

*Aŭgusto* : La 4an, ĝenerala kunsido, parolata gazeto, diversaĵoj; la 11an, S-ino E. Staes, pri « Ni amuzu nin ! »; la 18an, S-ro Swinne, pri « Fabrikado de bombonoj »; la 25an, D-ro Kempeneers, pri « La Internacia Kongreso en Bern ».

*Promenadoj*. — Rendevuo je la 15a horo, la 1an de Junio, Preĝejo Saint-Lambert, al Wemmel; la 15an, avenue du Silence, al Beersel; la 29an, place Rouppe, al Kastelo de Gaasbeek; la 13an de Julio, angulo de bulvardoj Maurice Lemonnier kaj « du Midi », al Maison d'Erasme en Anderlecht; la 27an, porte de Tervuren, al Tervuren (muzeo kaj parko); la 10an de Aŭgusto, place Rouppe, al Waterloo; la 24an, place Communale, Boitsfort, al Petite-Espinette.

Se la vetero estus malbela, oni vizitus iun muzeon.

BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA (Reĝa Societo). — De post la ĝenerala kunsido de la 17a de Januaro, la ĉiumardaj kunvenoj estis malpli regule ĉeestataj pro vintra vetero kaj malsanoj;ili estis plejparte nur intimaj rondetoj, kie la plej fidelaj membroj venis por konservi kontakton. Iom post iom la ĉeestantaro pligrandiĝis.

Notindaj estas la kunvenoj de la 11a de Februaro, kun tre interesa antaŭlegado de S-ro G. Groothaert, pri « Militmemoraĵoj »; de la 8a de Aprilo : vizito de du samideaninoj el Nottingham (Anglujo); de la 15a de Aprilo : okaze de la kunfandiĝo de U. E. A. kaj I. E. L., S-ro Poupeye donis kelkajn informojn pri tiuj internaciaj organizaĵoj, iliaj organoj, jarlibroj kaj servoj; de la 2a de Aprilo : raportado pri la ĝenerala kunveno de Belga Ligo (27-4-1947) kaj poste interesa portretludado; de la 6a de Majo : memorinda kaj ege amuziga portretludado, dum kiu S-ro Verplancke sukcesis sin igi dum momento... ne videbla ! .

Fine la kunvenoj de la 13a kaj 20a de Majo estis ĉefe dediĉataj al preparo de la nacia kongreso en Antverpeno.

*Programo por Junio kaj Julio 1947.* — Kunvenoj ĉiumarde, je la 8a vespere, en hotelo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », place Simon Stevin : la 3an de Junio, raportado pri la Belga Kongreso; la 10an de Junio, legado de interesaj artikoloj; la 17an de Junio, kartludado; la 24an de Junio, portretludado; la 1an de Julio, kartludado; la 8an de Julio, legado de interesaj artikoloj; la 15an de Julio, portretludado; la 22an de Julio, debato : « Por kaj kontraŭ edziĝo»; la 29an de Julio, koresponda kaj gazeta vespero.

N. B. — En okazo de belega vetero, iu el tiuj kunvenoj povas esti anstataŭata per komuna vespera promenado.

## BIBLIOGRAFIO

— *Kvin artefaritaj lingvoj.* — Sub la titolo « Vijf kunsttalen », aperis la tezo de S-ro W. J. A. Manders, kiun ni anoncis en nia antaŭa numero. Ĝi estas bela libro, 386 paĝa, klare presita. Ni bedaŭrinde ne havas lokon por ĝin detale recenzi. Ni diru tamen ke ĝia aspekto kaj ĝia enhavo estas tiaj, ke ĉiu Esperantisto, kiu kapablas legi la nederlandan lingvon, nepre devas ĝin posedi. Ne nur la libro per sia aspekto mem montras la gravecon de la problemo de lingvo internacia, sed ankaŭ ĝi provizos niajn propagandistojn per utilaj

konoj pri Esperanto kaj ĝiaj kunkurantoj. La libro estas mendebla de Belga Esperanto-Instituto, 127, Lange Leemstraat, en Antverpeno.

— *Spiritualistische Geloofsgemeenschap*, propagandablad voor het Spiritualisme; enhavas ankaŭ artikolojn en Esperanto. Adreso : Singel, 368, Amsterdam, Nederlando.

— *Bahaaj Informoj*, eldonata de Internacia Bahaa Oficejo, 6, Cours des Bastions, Genève, Svisujo, propagandas per Esperanto por la mondreligio de Baha'u'llah. Adreso por Belgujo : M. Humbert, 122, rue Defacqz, Bruselo.

## TRA LA GAZETARO

El *De Nieuwe Landwacht* (Gent), 22-III-1937 : La Franco Bruyère, industriisto en Saint-Etienne (Francujo), kiu estas konvinkita ke Esperanto malsukcesis, proponas ke la *Greka Lingvo* fariĝu helpa lingvo. Kiam oni rimarkigas ke la declinacioj malhelpos tiun projekton, li respondas ke li simpligos la deklinaciojn, la konjugaciojn, kaj ankaŭ la skribmanieron.

## INTERNACIA KRONIKO

— La *Konsilejo por la Rekonstruo de Rotterdam* eldonis broŝuron pri la detruoj de tiu havena urbo dum la milito, kaj pri la deciditaj laboroj por rekonstruado kun plibonigo kaj plibeligo. Tiu teknika 28paĝa libreto, kiu enhavas interesajn kartojn, estas tradukita en Esperanton de la *Informejo de la Konsilejo* (S-roj J. G. Both kaj W. Borsje, kun kiuj laboris gesinjoroj J. W. Prent-Moon).

Tiu informejo intencas aranĝi ekspozicion por montri la eblojn kaj pratikan utilon de Esperanto, kaj petas ke oni sendu al ĝi diversspecan materialon, ekz. afiŝojn pri fervojo, trafiko, ŝipveturado; gvidlibrojn pri turismo, ktp. (kompreneble en Esperanto). Niaj liganoj kiuj povas helpi, faru. La adreso estas : 107, Coolsingel, Rotterdam.

— *Esperanto-Eldonejo « Tremondo »*, Neŭtergasse, 91, Wien I, proponas honorarion al talentuloj (verkistoj aŭ tradukistoj), kiuj sendos :

*a*) Ĝis Oktobro 1947 : redaktaĵojn pri popolkaraktero; bildojn aŭ kliŝojn pri karakterizaj popoltipoj, urbvidaĵoj, pejzaĝoj; skizojn pri naciaj artoj, literaturo, rekonstruaj laboroj; bonajn verkojn ĉiutemajn el *postmilita nacia literaturo*.

*b*) Sen limtempo : verketojn el literaturo de malgrandaj nacioj, kun la originala teksto. Por pliaj detaloj oni sin turnu al *Belga Esperanto Instituto*, 127, Lange Leemstraat, Antwerpen.

— *En Doksy ĉe Macha-Lago* (Bohemujo) okazos, de 19a de Julio ĝis 2a de Augusto, someraj esperantaj lecionoj laŭ la Ĉe-metodo, kaj ankaŭ perfektigaj lecionoj. Samtempe en tiu pentrinda banloko estos festoj diversspecaj, inter kiuj la historia komedio, en Esperanto, *Nokto en Kerlum Tyn*. La eksterlandaj gastoj rajtas partopreni la lecionojn senkotize. Salutkartoj por letervespero estas petataj. Adreso : Vaclav Ŝpur, 453, Doksy ĉe Macha-Lago, Bohemujo, Ĉekoslovakujo.

— *En Gdansk* (Pollando), de 2a ĝis 10a de Aŭgusto, okazos internacia Foiro, sur la *insulo Holm* apud la Gdanska haveno; en la urbo *Zopot* estos foiro pri popola arto, arta industrio, galanterio. En proksima *Gdynia* okazos fiŝa foiro. Estos ankaŭ festoj diversaj. Esperantistoj estos bonakceptataj.

— *S-ro Ferdinand*, el *Bègles* (Gironde, Francujo), informas ke la *Internacia Konfederacio de Oficistoj de Ŝtatoj kaj de Publikaj Servoj* baldaŭ elektos helpan lingvon. Li petas ke la koncernatoj skribu, en Esperanto, *kaj* en patrina lingvo samtempe, al tiu konfederacio. 20 Dryder Chambers, 119, Oxford street, London W 1, Britujo.

---

## NEKROLOGO

— F-ino Rafaelle KESTENS, membrino de Esperantista Brusela Grupo kaj de R. B. L. E., fratino de F-ino Mathilde Kestens, bibliotekistino kaj fervora komitatanino de Brusela Grupo.

— S-ino Maria DE RIJDT, membrino de Verda Stelo kaj de R. B. L. E., edzino de S-ro Hector Boffejon, el Antverpeno.

— S-ro Marcel SOMERLING, membro de la Nieuwpoorto Esperantista Grupo. Li estis malnova esperantisto kaj faris multon por nia movado en Gento, Bruselo kaj Nieuwpoort.

---

## TARIFO DE LA ANONCOJ

| | Unu anonco | 6es anoncoj |
|---|---|---|
| 1/8 paĝo... | 60,— | 300,— |
| 1/4 paĝo... | 100,— | 500,— |
| 1/2 paĝo... | 175,— | 800,— |
| 1 paĝo... | 300,— | 1500,— |

pagotaj al la P.Ĉ.K. 1337.67 de R. B. L. E., La Louvière

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Ch. POUPEYE, 42, Elf Julistrato, Bruĝo.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

**(IEL kaj UEA kunigitaj)**

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo: rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj)... ... ... ... ... .. ... fr. 75
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... .. ... 30

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 115
b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... .. ... ... ... ... ... ... ... ... 175
c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

Imp. LIELENS, s. p. r. l., 18, r. de la Princesse, Brux. Tél. 21.10.98